„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!“

(Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

Jarabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio S 4.60, pagebla ankaŭ en partpagoj (½ j. S 2.35), aliaj landoj sv. fr. 3.75; ponumere 45 g (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. Leteradreso: Wien, I., Neue Burg (Tel. R-27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826.

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

No 11 (136) Korneuburg ĉe Wien, la 5. novembro 1936. 13. jaro

# Olimpiaj ludoj en Berlin.

...tinginte la limstacion Passau ni vidis ...afiŝojn „Bonvenon en Germanlando“, ...se flagoj de diversaj nacioj flirtis, ...omotivoj portis sur unu flanko la ...pian emblemon „la kvin ringoj“ kaj ...la alia la germanŝtatan. Afable nin ...itis la germanaj doganoficistoj kaj ...de ni atingis kun nur unu ...do en Leipzig la metropolon ...in. Je nia granda ĝojo nin ...ptis sur la atendejo muzikistaro, ...ista fioro kaj amasego da homoj, ...r ili — honoron kaj dankon al ...— kelkdeko da karaj gesami...oj.

...n mi ekestiĝis la demando: „Ĉu ...as Olimpiado aŭ Esperanto-...greso en Berlin?“ Ni povis kon-...iĝi, ke ambaŭ aferoj trovis sian ...on. Niaj amikoj zorge preparis ...dskalan kunvenon je nia honoro. ...tis gastoj el 8 landoj, inter ili ...vanoj el Estonujo kaj Svedujo; ...parolado farita de aŭstriano pri ...Viena E.-Kongreso kvazaŭ igis ...Berlin-an kunvenon Antaŭkon-...so al la 28-a. En frata interbabi-...ni longe kunestis ĝis post ...okto.

...niu forgesos la veran gastamon de ...germanaj amikoj, kiuj malgraŭ kelkaj ...cilajoj tamen inde aranĝis ĉi tiun ...venon kun pli ol 70 personoj.

...sperantо en la Olimpiado: Niaj ger-...aj s-anoj faris regulan deĵoron en la ...domo, atendis la alilandajn samide-...jn kaj helpis ilin en la prizorgo de la ...ejaferoj. En la Olimpiada Ekspozicio ...vidis la konatan folion kun la oplimpia-...poŝtmarkoj de Amsterdam el 1928, ...onita de Nederlanda E.-Societo „La ...onto estas nia“ sub la aŭspicioj de UEA, ...kiu oni povis legi en Esperanto kaj en ...aliaj lingvoj „Esperanto estas la ...streketo inter la popoloj“. Minutojn ...restis emociite antaŭ tiu ĉi dokumento, ĉar mi ne pensis, trovi alian E.-lingvan aferon. Jes, mi pravis, sed ĉe alveno de nia japana s-anino Toyoda unu el la junaj esperantistoj ŝin gvidis al la por-loĝeja oficejo kaj komprenеble ili parolis en Esp. — Multaj funkciuloj klopodis helpi nian s-aninon. „Sinjoro D., mi miras kiel bone



La naciaj flagoj de la venkintoj supreniĝas; sur nia bildo la aŭstria kaj germana

vi scipovas paroli la japanan lingvon“, aŭdigis sin iu germana sinjoro. Li ne sciis, ke nur Esperanto ebligis al ili la inter-kompreniĝon. Kompreneble sekvis propa-gandparolado pri nia afero al la germanaj sinjoroj.

Ĉu tiu ĉi travivaĵo ne klare montris la taŭgecon de nia interpopola komunikilo?

Unu dimanĉon oni atente zorgis pri karavano de la svedaj esperantistoj (48 sub gvidado de s-ano Malmgren). Kun la E.-flago ni traveturis la urbon. Bonege parolanta sveda interpretisto klarigis al niaj svedaj s-anoj la vidindaĵojn, sed, se ili deziris informiĝi pri pli interesaj aferoj, ni klarigis tiujn al ili en Esperanto.

Kion prezentis la Olimpiaj Ludoj al la publiko? Ĉu estas necese paroli pri tio? Ĉiu aranĝo kaj la bonegaj kvalitoj de la sportuloj ravigis nin. Sed unika estis la organizo, ĝin oni povas kvazaŭ nomi monopolo de la germanoj! Sur la stratoj funkciis laŭtparoliloj, ni povis sekvi la sportludojn ankaŭ per televidiloj (aparatoj, per kiuj oni povis vidi kaj aŭdi la malproksime okazantajn sportludojn). Per tiuj aparatoj, kvan-kam ĉi tiu invento nur estas en komenca stato, ni bone vidis bildojn en alteco de 1 m 20 cm, kiuj respe-guligis sufiĉe klare la vivon en Sta-diono, dume la radio-parolisto kla-rigis ĉiun movon de la sportuloj. La parolisto diris: „Tiu ĉi invento servu al la tuta popolo, ne nur al la 10.000 riĉuloj.“

Grandioza germana ekspozicio nin gvidis tra pasinteco, nuntempo kaj estonto de altkvalita popolo. Speciale interesa estis la parto, kiu traktas pri „Forto per ĝojo“, organizo, kiu celas havigi diversmaniere belan libertempon al la laboranta homo.

Nun ankoraŭ grava informo, por forigi malveraĵn dirojn pri Espe-ranto en Germanlando!

Kiel vi scias, la 15. de julio ĉiuj E.-organizoj ĉesis funkcii! Sed laŭ cirkulero de la iama prezidanto de Germana E.-Asocio la uzado de Esperanto skribe kaj buŝe estas permesata, same kiel la port-ado de la „neŭtrala“ E.-insigno. Tiuj, kiuj ricevis informon pri alia stato de la afero, estas petataj skribi detale kun aldono de la fonto, kion ili aŭdis, al s-anino Martha Mölke, Berlin, W 35, Potsdamer-straße 119, Domo B. F-ino Mölke ankaŭ plue funkcias kiel sekretariino de IALA kaj deziras daŭrigi la rilatojn koncerne la interŝanĝadon de infanoj.

W. Rentmeister.

## Internacia Konferenco pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn kaj la praktikon.

Paris, 14.—17. majo 1937

...laŭ decido de Komitato de UEA en Wien en la kadro de Internacia Ekspozicio. La **organiza komitato** konsistas el: **Prez.:** André Baudet, prez de Komerca Ĉambro en Paris, Ĝenerala Komisaro por Francujo ĉe Internacia Ekspozicio en Bruxelles, vicprez. de SFPE. **Vicprez.:** Generalo L. Bastien, prez. de IEL, vicprez. de SFPE; E. Archdeacon, prez. de SFPE; J. Couteaux, ĝen. sekr. de SFPE, komitatano de IEL. **Ĝen. sekr.:** P. Petit, konst. sekr. de SFPE, komit. de IEL. **Kasisto:** C. Rousseau, ĉefdel. de IEL por Francujo. 5 komisionoj jam eklaboris.



≺ Salono el la epoko de Louis XVI.



Empiro-stila ĉambro ≻

# Bundesmobiliendepot Wien.

Inter la multaj kolektoj en Aŭstrio unu el la plej belaj kaj interesaj vere estas la kolekto de ne plu uzataj mebloj el iamaj kortegaj apartamentoj — la tiel nomata „Hofmobiliendepot" en Wien, VII., Mariahilferstraße No. 88. — Bedaŭrinde ĉi tiu riĉa kolekto ne estas sufiĉe konata, eĉ ne al multaj Vienanoj. Ni rekomendas la viziton al ĉiuj! (Enirprezo nur 50 groŝojn!)

La kolekto estas dispartigita en tri grandaj haloj, kies unuopa estas 75 metrojn longa kaj 10 metrojn larĝa. — La unua halo enhavas la barokan, rokokan kaj jozef-epokan meblo-artverkojn, la dua la empirstilajn ejojn kaj la tria „Biedermeier"-kolekton.

Jam en la atendejo aparta animstato kaptas nin kaj same, kiam ni eniras la unuan halon. La nobla lukso kaj la kolorbrilo, la briletantaj kristallustroj, la orumitaj lignoskulptitaj paneloj aŭ tapetoj el belkoloraj damaskoj kaj brokatoj elsorĉas al ni emociigan bildon pri la tuto.

En la unua halo regas la nobla meblomodo el Schloßhof, la iama somerrezidejo kaj ripozejo de princo Eugen de Savojo. Post lia morto Schloßhof kaj la najbara Niederweiden fariĝis posedaĵo de Maria Theresia, kiu ilin instaligis „moderne", nome laŭ la estetika sento de Louis XVI.

La barokaj mebloj klare montras la mentalecon de la skolo de majstro Hildebrandt, konstruinto de Belvedere en Vieno, sed tiuj el la epoko de Maria Theresia surhavas ege delikatajn ornamaĵojn kaj estas ankaŭ pro tio de speciala ĉarmo, ĉar ili malgraŭ sia klasicista formesprimo (Louis XVI) ankoraŭ enhavas aludojn al rokoko.

Jen surprizas belega salono el nuksligno, riĉe skulptita; dormoĉambro kun kurtena lito, riĉe surpresita kun persaj florornamentoj, krome mandesegnitaj tapetoj kun memaj aziaj motivoj. Alia baroka salono estas aranĝita el meblaro de iama spegulsalono kaj enhavas „tablo-keglo-ludejon" iomete pli grandan ol la nuntempa infanludilo.

Jam ekster la halo porvirina dormĉambro kun flavsilka kurtena lito, riĉe provizita kun persaj silkbrodaĵoj, laŭdire uzita de Maria Theresia. Salono kun paŝtelportretoj de la fama kortega pentristo Liotard kaj 12-kandela lustro el Meissen-a porcelano. Sekvas tri blankeoraj salonoj, montrantaj la altan loĝnivelon el la epoko de Maria Theresia. Flanke de la halo estas salono kun silke tegitaj vandoj, kameno el blanka marmoro de itala majstro kaj gracia vitrolustro—ejo, inda al reĝino kiel Marie Antoinette.

Krome estas en la sama halo ankoraŭ aro da mebloj el la kasteloj Schönbrunn, Laxenburg, Baden kaj Hetzendorf. Du ĉambroj el Schönbrunn montras la simplan kaj tamen tiel noblan rokokon el Maria Theresia-epoko; Hetzendorf estas reprezentata per saloneto kun tro riĉa brun-orornamaĵo, Laxenburg per gracia rokokosalono kaj Baden per dormoĉambro en empira stilo, riĉe ornamita per orbronzo. La gustoepoko je la komenco de la regno de imperiestro Franz Josef pro tio estas ĉi tie reprezentata, ĉar tiam oni reiris al rokoko, pro kio oni nomas la epokon „du rokoko".

Forlasinte la halon ni venas en la epokon de Empiro. En la unua ejo estas la masko de l' mortinta Duko de Reichstadt, verko de skulptisto Klein, kaj trono de imperiestro Franz, flankumita de du preskaŭ 3 metrojn altaj kandelabroj el biskvit-porcelano el Viena porcelanfabriko kaj riĉe skulptita ligna lustro kun orumitaj serpentkapoj.

Nun sekvas elektitaj model-ekzemploj de plej bela empiro el Hofburg, Laxenburg kaj Baden. Iliaj formoj nur havas ma profundan similon al la Napoleon-a empiro, klarigeble el tio, ke la aŭstria artisto kaj metiisto en ĉiu stil-epoko ĉiam estis sufiĉe artisto, por ne simple imiti fremdajn ideojn kaj iniciatojn, sed ilin akcepti kaj transformi laŭ sia propra sentado. Pere de li la al li ne tute konvena klasika empiro evoluiĝis pli libere ka delikate.

Simila al la mebloverkado ankaŭ esta la bronzoverkado (horloĝoj, kandeling lustroj, vazoj ktp.), arto evoluiĝinta e Aŭstrio dum la epoko de empiro ĝis la pl alta florado. Speciale el la laborejoj d majstroj Danninger kaj Jaich multa verkoj estas ĉi tie montrataj.

Empiro en Aŭstrio baldaŭ malaperis liaj formoj fariĝis ĉiam pli delikataj ka la pensmaniero de romantiko forpremis l severan ritmon de la klasiko. Tia estas l aŭstria malfru-empiro, kiun montras la d lastaj ĉambroj, de kiuj la lasta de lignaĵisto Popp — ĝi estas el mahagonoligno ka ankoraŭ montras bronzgarnaĵon — ni konduku al Biedermeier-epoko, en kiu la



≺ Dormoĉambro en aŭstria baroko



Ĉambro el Biedermeier-epoko ≻

primmaniero kaj la formoj de la meblo-
to estis multspecaj. La meblo ne plu
tas arkitekta kreaĵo — komponita en la
on kiel estis regulo ĉe empiro — sed ĝi
iĝas uzebla objekto, kiu nur devas
lenumi sian celon kaj staras tie, kie ĝi
tas plej facile atingebla kaj uzebla. Estas
angla meblarto, kiu en tio influas, kaj
ankaŭ donas la stampon al aŭstria Bieder-
meier. Cetere „Biedermeier" tiam estis
oknomo por la novriĉiĝintoj kaj par-
enuoj.

La unua ejo estas dormoĉambro el kor-
ga kastelo Innsbruck de tirola majstro
eyer el 1834 kun el la gotiko prenitaj
namaj aldonoj. Sekvas gracia salono de
idukino el ĉerizligno; laŭcele aranĝita
moĉambro kaj studejo, kiel persista
ilo ĝin dezirus, poste eleganta dormo-
j matenmanĝĉambro — oni povus imagi,
la fama dancistino Fanny Elßler
ms —, poste dormoĉambro de bonsituitaj
dermeier-geedzoj, aliĝe helkolora fraŭ-
ĉambro, poste muziksalono en bruna kaj
a, kelkaj manĝo-kaj loĝĉambro kaj
buduaro de ĉarma Biedermeier-sinjo-
o ktp. ktp. Karakterize por tiu epoko
as, ke ĉiu faco de la meblo ricevis
ajon el speciala ligno.

Resume la kolekto estas kulturverko, pri
Aŭstrio kaj Vieno povas fieri, ĝi donas
rigon pri la ŝanĝo de la estetika sento
artaferoj en Aŭstrio depost la epoko de
nco Eŭgen kaj antaŭ-okuligas la alt-
lan kulturon de nia hejmlando.

Neniu preterlasu viziti ĉi tiun kolekton!

Reg. kons. Fritz Stengel.

## D-ro Wilhelm Kienzl

la fama poeto kaj komponisto,
fariĝis amiko al Esperanto.

Vizito ĉe d-ro Kienzl, kiu en januaro 1937
iĝos 80-jarulo, estas vera ĝuo. Multaj
kumentoj kaj memoraĵoj, kiuj agrable
nomas la belan loĝejon, atestas pri
menta kreado kaj sukcesplena vivo de
tiu fama aŭstriano. Lia junfreŝa spirito
as admirinda. Li verkis operojn, koncer-
ojn, kantojn, ĥorojn ktp. kaj skribis la
j multajn tekstlibrojn mem kaj multajn
zikisciencajn disertaciojn. Liaj presitaj
koj ampleksas unu tutan vandon en la
ono. Interesaj estas la multaj afiŝoj
ncerne la unuajn prezentadojn de liaj
eroj en Aŭstrio, Germanlando kaj
lande. Sed plej interesa estas la majstro
em, kiu rilate spiriton, intelekton,
sterajon kaj sanon povas nomiĝi idela
mo.

Aŭskultu nun, kiel li pensas pri Esperanto.
s nun li preskaŭ nenion sciis pri E., sed
almultaj vortoj sufiĉis, por klarigi al li la
eron. Speciale la vortoj de la poeto
osegger pri E. impresis lin kiel iaman
ikon. Rosegger skribis siatempe al univ.
of. kortega kons. d-ro Theodor Fuchs,
embro de Akademio por Sciencoj en
ien: „Ĝuste pro tio, por ke nia bela ger-
ana gepatra lingvo ne estu internacie
onita sed konservu sian proprecon, ni
zonas por internacia kompreno neŭtralan
elplingvon kiel Esperanton!"

D-ro Kienzl diris, ke li, aŭdinte ĉi tiujn
ortojn, estus vetinta, ke ili devenas de
osegger.

Post klarigo de unu regulo d-ro Kienzl
uj diris, ke nia lingvo estas genia kaj
apide li komprenis la logikan konstruon
de ĝi. Li ankaŭ opiniis, ke estus bone, se
oni ankaŭ en la germana lingvo anstataŭus
la longan „sch" per iu signo. Rigardante
nian „Aŭstrian Esperantiston", kiu tre
plaĉis al li, li diris, ke Esp. certe estas facile
lernebla.

La fama komponisto ankaŭ ekkonis la
gravecon de E. kiel interkomprenilon inter
la popoloj kaj opiniis, ke la E.-movado vere
meritas esti disvastigita tra la tuta mondo.
Li konsentis la opinion, ke E. kiel la muziko
esprimas similajn sentojn, kiuj celas
hominterfratiĝon kaj universalan pacon.
„Se E. helpos atingi ĉi tiujn celojn", li diris,
„mi adoros vian movadon". Ankaŭ la
ideon, prezentadi „Naŭan" de Beethoven
kun „la ĝojo" en E., li taksas bona kaj
dezirinda.

Fine d-ro Kienzl opinias rekomendinde,
enkonduki E-on en la lernejon.

Mi estis ravita pri la afabla akcepto kaj
pensas, ke d-ro Kienzl ankoraŭ lernos E-on.

D-ro Max Höfer.

## „Es wird ein Wein sein."

Es wird a Wein sein
Und mir wern nimmer sein...
's wird schöne Maderln geb'n
Und mir wern nimmer leb'n...

Ni rememoru pri unu el la unuaj sonfilmoj
Atlantic. La ŝipo kunpuŝiĝis kun glacimont-
ego kaj dum ĝi subakviĝas, ludas la
orkestro ankoraŭfoje la kanton „Estos vino
kaj ni ne plu estos, estos belaj knabinoj kaj
ni ne plu vivos..." kaj dum ĉi tiuj dolĉe
melankoliaj sonoj la homoj pereas. Ĉiuj
rigardantoj de la filmo estis kortuŝitaj!



Ne povas esti alie ol, ke ĉi tiu gaja-mal-
gaja kanto devenas el Aŭstrio, el la koro
de tiu germana gento, kiu dum premaj
tagoj, en krizo kaj mizero, neniam perdis la
vivkuraĝon kaj bonhumoron, sed kiu ankaŭ
al ĝojo kaj feliĉo ĉiam miksas guteton da
melankolio. Ĉi tiu aŭstria, Vien-a kanto
nunjare festas sian 40-jaran jubileon.

En 1896 la juna popolverkisto Josef
Hornig venis al Ludwig Gruber, jus fininte
la konservatorion, kaj montris al li manu-
skripton de nova kanto, kies teksto tre
plaĉis al Gruber. Kune ili iris al eldonisto
Blaha, diris, ke ili havas sukcesontan kanton
kaj petis partan antaŭpagon. „Tiun vi povas
havi", rediris Blaha, „sed unue la kanto
devas esti preta!" (Ŝajne tiam estis pli bonaj
cirkonstancoj!). Gruber tuj sidigis sin al
la fortepiano kaj, jen, la inspiracio venis.
La eldonisto estis entuziasmigita kaj donis
tuj 5 guldenojn antaŭpage.

La kanto rapidege populariĝis. En epoko,
kiam ne ankoraŭ ekzistis gramofondiskoj
kaj laŭtparoliloj, ĝi konkeris dum 2 tagoj
Vien-on. Ĉiuj Vien-aj kantistoj kantis, la
militistaj orkestroj ludis ĝin, kaj la konata
artistoparo Edi kaj Biedermann popularigis
ĝin. Ridante Gruber rakontas, ke ambaŭ
ofte disputis, ĉar la unua balbutis kaj la
alia malĝustsone komencis la kantadon.
Kiam la disputo fariĝis akra Gruber ludis
la plej novan komponaĵon kaj tuj la mal-
paciĝintoj aŭskultadis kaj ree estis bonaj
amikoj.

48 horojn post kompono de la kanto
Gruber vizitis siajn amikojn en Hernals
(urboparto), kie siatempe estis la plej multaj
vinelverŝejoj por „nunjaraj" (la kongresanoj
memoru pri Grinzing) kaj poste ĝoje iris
hejmen. Li renkontis vintrinkantan fiak-
riston, kiu malplenigante sian glason diris
al li, kvazaŭ senkulpigante sin: „Pardonu!
Sed — estos vino kaj ni ne plu vivos. Tial
mi devas rapidi!"

Profesoro Gruber ankaŭ rakontas pri
epizodo, kiu eble plej trafe atestas la fortan
impreson de lia kanto. Dum la mondmilito
li estis kaptito en Siberio kaj gvidis
„Plenny-teatron". La aŭstrianoj multe
sopiris al sia hejmo. Por distri ilin oni
prezentis teatraĵon en Pjestschanka „Tiel
salutas Vieno". La scenejo montris la placon
de Sa. Stefano kaj la unua melodio estis
„Ĉe la bela, blua Danubo" kaj poste Gru-
ber direktis „... estos vino ..." La teksto
kaj la melodio kaptegis la soldatojn kaj la
kanto finiĝis en tuta silentado. Ĉu ili pensis
pri la vero, ke estos vino kaj ili ne plu vivos
kaj ke ili ne plu vivos dume belaj knabinoj
estos?

La prezentado ĉesis antaŭ la fino...

Tiu ĉi kanto nun jubileas. Oni plenrajte
honoros la komponiston, de kiu cetere
ankaŭ estas la kanto „Mei Muatterl war a
Wienerin" „Patrinjo estis ja el Wien, pro
tio mi amas ĝin. Ŝi donis kun vivo la amon
al Wien, mia kara kaj ora Wien", kaj multaj
aliaj kantoj.

Ankaŭ ni esperantistoj gratulu al prof.
Gruber kaj deziras pluan fruktodonan ver-
kadon! R. U.

## Prologo

**verkita de Alois Norbert, prelegita de ofic-
konsil. Carl von Gasperini, okaze de inaŭguro
de la nova hejmo de Katolika Unuiĝo Esp.
en Wien.**

Dum dudekkvar jaroj kun sankta fervoro
Ni sekvis sentime jam al ideal',
Kaj diris ni ĉiam kuraĝe en koro,
Se oni atakis nin dum la batal':
„Obstine antaŭen al fina la celo
Por kruco kristana kaj verda la stelo!"

El sub monaĥeja trankvila tegmento
En ejon publikan transiris nun ni.
Por ni tio estas tre grava momento,
Kaj laŭte al ni ja predikas nun ĝi:
„Obstine antaŭen al fina la celo
Por kruco kristana kaj verda la stelo!"

En hejm' de l'junuloj ni por Esperanto
Ekagu kun nova laborenergi'!
Junuloj ja estas esper' de l'hejmlando
Kaj same do ankaŭ espero de ni:
„Obstine antaŭen al fina la celo
Por kruco kristana kaj verda la stelo!"

Junuloj, amase, grandare aliĝu
Al nia porpaca mondlingva ide'!
Kaj per la aliĝ' de junuloj vigliĝu
La ligaj laboroj de nia K. U. E.!
„Obstine antaŭen al fina la celo
Por kruco kristana kaj verda la stelo!"

Por kruco kristana per verda la stelo
Kaj por Esperanto kun am' kaj fervor'!
Obstine, senhalte, sen ia ŝancelo
La venkon akcelu do nia labor'!
„Obstine antaŭen al fina la celo
Por kruco kristana kaj verda la stelo!"

# Antaŭaj cirkonstancoj

de Johann Nestroy
Esp.-igis Hugo Steiner.
La kantojn trad Alois Norbert.

**Personoj:**

S-ro von Scheitermann, lignovendisto.
Josefine, lia edzino.
Anton Muffl, domservisto.
Peppi Amsel, kuiristino.

Loko de la okazajo: Granda urbo.

Tempo: Nuntempo.

Eleganta salono ĉe la lignovendisto s-ro von Scheitermann.

**Unua sceno.**

**Josefine,** lignovendisto **Scheitermann.**

**Scheitermann** (venas en eleganta negliĝa vesto de dekstre).

**Josefine** (lia edzino, same en eleganta negliĝo, sekvas lin).

**Sch.** Sed, plej kara edzino, koredzinjo, mi ne estas kulpa.

**Jos.** Nenia senkulpigo! Mi devas danki nur al vi, ke fine mi estas sen servistaro. Antaŭhieraŭ vi forpelis la domserviston — — —

**Sch.** Ĉar mi eltrovis novan econ de li; li estis cigaroŝtelisto!

**Jos.** Pro kelkaj ordinaraj cigaroj!

**Sch.** Pardonu, anĝelino, miaj cigaroj kostas dudekkvin guldenojn po cent, do ili ne estas ordinaraj. Se vi ne estus foriginta vian servistinon Sali, ni ne estus en embaraso, sed vi ne lasis trankvilon al ni: for ŝi devis, mia Sali, kaj kial? Ĉar — — —

**Jos.** Ĉar vi karesis ŝiajn vangojn.

**Sch.** Ĉu mi? Jen vi eraras.

**Jos.** Mi mem vidis tion.

**Sch.** Kiel la edzinoj ĉiam juĝas laŭ la ŝajno! Senvola movo, senintenca hazardo, tuŝeto de la tra ĉambro rapidanta servistinvango — en tio oni ne volu tuj serĉi intencon.

**Jos.** Ho, viajn afablajojn oni jam konas.

**Sch.** Mi neniam preferis unu, mi estas same afabla al ĉiuj.

**Jos.** Ĉu vi jam ordonis dungi alian servistinon?

**Sch.** Kompreneble, anĝelino, la legomvendistino sendos al ni alian.

**Jos.** Kiel vulgare! Legomvendistino! Oni nun liverigas la servistaron el pli nobla fonto, oni sendas al la servist-perant-oficejo.

**Sch.** Kaj ĉu vi pensas, ke tiuj el la oficejo estas pli bravaj? Eble; sed ni jam havis de la legomvendistino tre bonajn servistojn; tia legomvendistino — — —

**Jos.** Ree! Edzo, dekutimiĝu fine ĉi tium vulgaran parolmanieron! Kion dirus mia patro, la mortinta profesoro, se li povus aŭdi de tie, kian vulgaran bofilon li havas!

**Sch.** Mi ne scias, anĝelino, sed mi konstatas, ke hodiaŭ vi estas tre malagrabla karulino.

**Jos.** Silentu! Vi scias, ke mi kiel filino el bona familio estas alkutimigata al servistaro; se post duonhoro mi ne havos servistinon, mi forlasos vian domon kaj translogiĝos al mia onklino. Ho mia patro — profesoro, kial vi devis morti tiel frue!

**Sch.** Kelkfoje vi parolas, anĝelino, kvazaŭ mi estus lin mortiginta; laŭ mi li ankoraŭ longtempe povus esti profesoro.

**Jos.** Nun ne plu hezitu; plej malfrue post duonhoro ĉi tiu persono devas esti ĉi tie. Memoru tion! (Foriras maldekstren.)

**Dua sceno.**

**Scheitermann** sola.

Sch. Admirinda edzino, ĉarma edzino, juna ino, belega ino — sed mi tamen sentas min pli trankvile, kiam ŝi iras el la ĉambro. Ne pro tio, kvazaŭ mi ne havus inklinon al ŝi, tute ne! Male! Ŝi nur havas unu, por mi teruran mankon — ŝi estas el tro instruita familio. Tio ĝenas min, tio embarasas min, mi perdas kompare al ŝi. Ho, estas malagrablaĵo, se oni estas pli en la profundaĵo de l' vivo, kaj ĉiam devas suprenrigardi al la altaĵo, de sur kiu la edzino dominas. Morale doloras mia nuko. Se ŝi eĉ scius, la tro instruita profesorfilino, ke miaj gepatroj estis geŝuistoj, ke mi mem — (ektimigite rerigardante) hodiaŭ, se iu tion aŭdus —! estas estinta domservisto. Tiuj estas la antaŭaj cirkonstancoj, kaj la plej malagrabla en la antaŭaj cirkonstancoj estas, ke ili ofte poste malkaŝiĝas. Estus terure! Nun mi vestigos min kaj trinkos dumvoje glason da vino — tiam mi plej facile forgesas, ke mi havas edzinon el nobla familio (li foriras dekstren).

**La kuiristino Peppi** (venas tra la mezo dum la preludo de la sekvanta kanto en tre moderna, sed jam multuzita tualeto).

**3. sceno.**

**Peppi** sola.

Teatro! Ho teatra dom'!
Vi perartista templo!
Vi rabas pacon al la hom',
Mi estas ja ekzemplo.
Dum estis mi kuiristin'
Mi ridis el la koro,
Ĉar ĉiuj homoj amis min,
Ne ĝenis min doloro.

Sopiro nur turmentis min:
Mi volis esti aktorin'.
Mi ŝanĝis, sed ne venis glor'!
Nenion oni pagis,
Kaj ofte kun amanta kor'
Mi vere stulte agis.
La gastoj amindumis min,
Aktoro post aktoro,
Sed ĉiujn regis tromp-inklin' —
Forrestis am' kaj oro.
Kaj tiel trompis min sen hont'
Je am' kaj mon' teatro-mond.

(Ŝi parolas.) Estas giganta salto de Kehlhejmaj kaheloj, kie staras la maŝinfajrujo, ĝis sur la scenejon, kie floras la laŭrokronoj; mi riskis ĝin, por dediĉi min al la pli altnivela dramo. Johanna d'Arc estis mia unua rolo; la sukceso estis brila. Poste mi ĉiujare prezentis la „infanon de l' muelisto“ kaj mi flatas al mi, ke la tusado de ĉi tiu ftize rapidkreskinta infano de neniu aktorino estis tiel laŭnature prezentata. Kian avantaĝon mi atingis per tio? Pagi honorarion ne estis kutimo ĉe tiuj direkcioj kaj nur pro mi oni ne povis forlasi ĉi tiun principon. Malpli gravas, kion oni prezentas, sed despli kie oni ĝin faras. Mi bedaŭrinde neniam sukcesis ludi en teatro, kie en ĉiu loĝio sidas milionulo kaj sur ĉiu apogseĝo kapitalisto; en tia kazo oni almenaŭ havas la esperon, kiu iafoje pligrandiĝos je la bonŝanco, kelkfoje eĉ je brila edziniĝo. Sed simple resti nur ĉe la laŭroj, tio certe ne povas sufiĉi al estinta kuiristino, kiu konas la praktikan valoron de laŭrofolioj, penante super regantan tiujn de Kult-herbo. Ne, mi reiras denove al la viandopotoj de Egiptujo, en mian antaŭan pozicion. Mia fraŭlina moŝto, la profesorfilino, kiu honoris min per sia konfido, kiom ofte ŝi fordonacis sian koron, fariĝis dum la jaroj juna edzino. Antaŭsento diras al mi, ĉe ŝi mi denove povos fariĝi feliĉa servistino. Venas iu — estas ŝi.

**Josefine Scheitermann** (revenas de maldekstre).

**4. sceno.**

**Peppi, Josefine** al ŝia maldekstra.

**Josefine.** Kiu estas ĉi tie? (Peppi ekvidinte, al si mem.) Ha — sinjorino. (Laŭte) Al kiu vi deziras?

**Peppi** (flanken dirante). Ŝi ne rekonas min — mia tualeto estas tro junsinjorina. (Al Josefine, alproksimiĝante.) Sinjorina moŝto! —

**Jos.** Kion mi vidas? (Rekonante ŝin.) Tio estas ja Peppi!

**Peppi.** Peppi Amsel, iam kuiristino ĉe via patra moŝto, la elmondiĝinta profesoro, nuntempe konstanta „amantino“ ĉe migrantaj teatro-societoj.

**Jos.** Ĉi estas ĉe la teatro?

**Peppi.** Fakte ankoraŭ nur por forlasi ĝin por ĉiam; mi sopiras al la iamaj agrablaj cirkonstancoj, tial nun mia unua vojo est... via moŝta onklino kaj mia dua al via m... mem, ĉar ŝi diris al mi, ke vi bezonas s... istinon.

**Jos.** Mi forsendis unu, kiu malplaĉis al mi... tiu grado, laŭ kia ŝi plaĉis al mia ... tro multe.

**Peppi.** Neeble?! Ĉu oni eĉ nur povas ... servistinon, se oni havas tian edzinon.

**Jos.** (preteriras ŝin dekstren.) Flatulin... ne konas la virojn.

**Peppi** (duone al si). Nun ankaŭ mi p... diri Flatulino.

**Jos.** Estas duoble agrable al mi, ke ... ci — mi bezonas intimulinon. Ĉu ci povas ... resti?

**Peppi.** Ho kompreneble, tio bone aranĝiĝ... Vi nun estas mia mastrina moŝto.

**Jos.** Jes bedaŭrinde, mastrino. Estis la ... feliĉa flutludado, kiun mi neniam estu ... inta. Kie estas la oraj tempoj de mia liberest... Kaj mia edzo havas grandajn mankojn.

**Peppi.** Senmankaj estaĵoj ne ekzistas, ... temas pri resti senedza aŭ preni unu k... estas.

**Jos.** Mia edzo posedas por mi tro m... multan spiriton, li estas, malkaŝe dirite, ... stulta.

**Peppi.** Ĉu li estas riĉa?

**Jos.** Ĉu ci iam vidis malriĉan lignovendist...

**Peppi.** Riĉa kaj stulta?! Vi ja estas favor... de l' ĉielo!

**Jos.** Sed li ankaŭ estas mistera, preskaŭ m... trankviliga. Malgraŭ lia stulteco ofte ŝaj... al mi kvazaŭ li ion kaŝus antaŭ mi.

**Peppi.** Sed kio tio povus esti?

**Jos.** Mi ne povas pensi pri alia ol kri...

**Peppi.** Mi ricevas anas-haŭton, mi ek...

**Jos.** Li estas maltrankvila, evitas soc... sin detenas de la konataro — — —

**Peppi.** Tion certe faras multaj krim... sed — — —

**Jos.** Kaj dum la dormo, dum la d...

**Peppi.** Ĉu eble li ronkas?

**Jos.** Ne ĉiam.

**Peppi.** Cetere ankaŭ kelka nekulpulo ... perfekte kapablas.

**Jos.** Li ofte parolas dum la dormo, ne su... klare — — —

**Peppi.** Aho! Tio ĝenerale estas: Ha, es... varmego, ne tolerebla.

**Jos.** Sed tio povas ankaŭ signifi: Se ... estos malkaŝita, mi estos perdita. Kaj al ... ĝi sonas kvazaŭ tiel. Peppi, se li e... mortigon — — —

**Peppi.** Ne, certe ne. Devus nur esti tre m... nova mortigo, ĉar de la novaj la mortig... estas ĉiuj konataj.

**Jos.** Estu kiel ĝi estas, ci, mia elprov... intimulino, devas helpi min, esplori la sekret...

**Peppi.** Ho, spioni, tio estas mia fako.

**Jos.** Kaj nun venu, helpu min ĉe mia tual... mi ankaŭ devas konfidi al ci multon. (... foriras kun Pepi md.)

La domservisto **Muffl** (venas tra la me... sufiĉe vulgare kaj malzorge vestita, dum ... preludo de la sekvanta kanto).

Daŭrigota.

## 28-a Univ. Kongr. de Esp.

**S-ano Petit-Paris** petas, ke ni ĝustigu li... eldiron en la 3. kolono sur paĝo 8 jene: „... ekrilatis kun diversaj internaciaj organi... (IKUE, SAT, ISE, IPE) kaj jam havis princip... jesan respondon de la plimulto el ili.“

**S-ro Petit** plue skribas: „Mi kore gratul... vin pro la bona raporto de la kongreso, k... okazis en la nroj 9/10 de via gazeto, ĉefe ... gratulas la protokolinton de la laborkunsid...

**„Franca Esperantisto“** en sia numero ... dediĉis 8 paĝojn al la kongreso kaj la rapor... estos daŭrigata. Dankon al la redaktoro s-... Petit kaj al la kunlaborintoj Manceau, Moun... kaj Rouband, Faucher, Spyns, Claude, Ferr... kaj Ambauinoj, al kiuj lastaj samideaninoj ... ne deziras, ke ili havu tiom da nervostre... laboro kaj zorgoj kiel la organizintoj!

„L'Esperanto"-Milano raportas grandskale. Dankon al ges. Facchi, Beltrami, Ramolfo, Ko-To-Po ktp.

**Ĝustigo:** D-ro **Spielmann,** Bern petas ĝustigon de sia eldiro dum la laborkunsido jene: „Ĉu ni ne timu, ke post ebla ŝanĝo de la reĝimo en Aŭstrio, la tuta biblioteko estos bruligota?" — Ni volonte sekvas la peton de d-ro Spielmann. Nia unua publikiĝajo estis laŭ la teksto de la protokolo. Ni ĝojas, ke d-ro Spielmann parolis alie ol ni tion laŭ la protokolo devis publikigi.

LKK.

**Filmo pri Viena Kongreso.** La 7. okt. en Deventer, Nederlando, turniĝis antaŭ atenta kaj entuziasma ĉeestantaro ĉi tiu filmo, kiu de s-ro Ravestein majstre estas farita dum la 28-a. Tiaj filmoj povas doni ne trotakseblajn eblecojn rilate la propagandon en neesperantistaj rondoj. Prez. Bloemendal dankis al s-ro Ravenstein pro lia ne plu amatora sed jam artista verkado. Ankaŭ nia danko estu akceptata! LKK.

## XIX-a Jubilea Kongreso de Esp.

Varsovio, 7.—15. aŭgusto 1937.

**Honorprez.** prof. d-ro Odo Bujwid, prez. de PED.

**Prez.** vicdir. Bronislaw Bohdan Wyszynski, prez. de Soc. Tur, de esp. en Polujo.

**Vicprez.** d-ro W. Robin, Kazimierz Zajaczkowski, Leon Klimecki kaj St. Karolczyk.

**Ĝen. sekr.** Aleksander Hartmann.

**Sekr.** Lila Tazbirowa, Jan Zawada.

**Kas.** Stefan Lubliner, Halina Weinstein.

**Kom.** Miecz. Kaus, Borys Strelczyk.

**Adreso:** Warszawa, ul. Chmielna 26 m. 8.

**Kotizo:** Anglo funto 1.17.2 kaj oni ĝuos, paginte ĝis 31. 1. 1937, rabaton de 30%.

**Aŭstrianoj** pagu al Poŝtŝpark. Wien D 115973 (kas. Stefan Lubliner, WIP, Warszawa).

**Aliĝis:** 42 el 9 lingvoj. Vi ne manku!

## Esperanto internacia.

Eldonanto Internacia E.-Ligo, 142 High Holborn, London W. C. 1, red. Teo Jung.

La oficiala organo de nia movado.

Aperis la unua numero, 16-paĝa kun tre interesaj artikoloj kaj detala priskribo de la 28-a.

Membro-abonantoj de IEL ricevas ĝin.

**Aliĝu al IEL.**

**Esperantista lingva komitato — Akademio.**

Oficialaj sciigoj de la Akademio.

1. Mortis d-ro Corret, Akademiano, kaj Oskar van Schoor, L.-K.-ano. Eksiĝis el Akademio prof. Aymonier, d-ro Bennemann, prof. Migliorini kaj el L. K. inĝ. Orengo, d-ro Döhler kaj prof. Christaller.

2. Voĉdono pri ŝanĝo en la regularo koncerne la konsiston kaj elekton de L. K. — 53 respondis, 52 jesis.

M. Rollet de l'Isle, prez.

## Nia Heroldo!

Kun granda ĝojo ni salutas la reeldonadon de nia semajna gazeto!

Ekzistas multaj kritikantoj en nia movado, sed bedaŭre ne samtiom da laborantoj!

Unu el tiuj laboregantoj estas Teo Jung, la eldonanto kaj ĉefredaktoro de H. d. E. — Depost 16 jaroj li eldonas la gazeton kaj nur tiuj personoj, kiuj bone konas la historion de nia movado, povas ĝuste pritaksi, kiom Jung kaj lia entrepreno suferis sub ĉi tiuj malagrablaj cirkonstancoj.

Nun li denove ek-konstruas kaj ĉiu esperantisto aŭ grupo, kiu iel povas tion fari, helpu lin en la laboro kaj per tio al nia movado mem!

Pro malpermeso en Germanujo li translokiĝis nun al Nederlando (redakcio kaj administrado) kaj Belgujo (eldonado kaj ekspedado).

Kiel helpi? Promesante pagi kiel Patrono de Heroldo dum 6 monatoj, komencante jam nun, la egalvaloron de belgaj frankoj 50 aŭ 100. Fariĝu Patrono!

Abonu Heroldon, aĉetu librojn!

Adreso: Redaktoro Teo Jung, Harstenhoekweg 223, Scheweningen.

**Informilo de**

Ĝeneraldirekcio de Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj.

41. nro. Vieno, 3. okt. 1936.

**Dejorordonoj.**

(152) Esperanto (Nr. 103/P).

Aŭstria E.-Asocio, la oficiala organizo de la E.-movado en Aŭstrio, informas nin, ke ĝi intencas instali E.-kursojn en la Vienaj stacioj, se sufiĉa nombro sin anoncos. Daŭro . . .

Por dungitoj, loĝantaj ekster Vieno, AEA rekomendas la partoprenon en skriba instrukurso . . .

La dungitoj, kiuj deziras partopreni en unu de ĉi tiuj kursoj, devas sin anonci ĉe sia oficejestro. La anoncoj estu sendotaj al la koncerna Fervojdirekcio, kiu ilin sendu kune al AEA, Wien, I., Neue Burg.

Por la kursoj en la Vienaj stacioj instruejoj estu disponigotaj.

La ĝeneraldirektoro: Schöpfer.

**Nova venko kaj nova konkurso.**

Fremdultrafika Asocio de Oslo, Norvegujo, decidis aranĝi konkurson. En ĝia semajna organo „Oslo denne uke" aperis ĵus 3 E.-lingvaj artikoloj pri Oslo, el kiuj ĝis 31. jan. oni devas ion traduki en nacian lingvon kaj aperigi en kiel eble plej multaj gazetoj. De ĉi tiu numero estas 8000 ekzempleroj je via dispono; mendu senpage por partopreni en la konkurso, por kiu la asocio disponigas 5 valorajn premiojn. Ĉiu esperantisto partoprenu!

Reisetrafikkforeningen, Egertorvet, Oslo.

**Konkurso en Kimrujo.**

Por la grava literatura kaj muzika festo „National Eisteddfod of Wales" en 1937 okazos Esperanto-konkurso.

Por la plej inda traktato pri „Esp. kiel komprenigilo inter la nacioj" oni donos premion de 5 angloj funtoj.

Ĉiulandaj s-anoj partoprenu! La n-ro de la konkurso estas 30. Ĉiu verko devas esti ĉe la sekr. s-ro J. Rhys Lewis, Eisteddfod Office, Machynlleth, Mont., Wales, Britujo, inter 22. aprilo kaj 1. de majo 1937. Informiĝu pri la detaloj.

(Laŭ „Sveda Laborista Esp.")

**Fulmotondra sufoko.**

de A. Th. Sonnleitner trad. de Rajmondo Peter.

Fulmotondra premo kuŝas
Sur la nokta erikejo;
Levas sin vapor' ĉielen,
Kvazaŭ la ĝemeg' de l' tero.

Staras homopar' soleca
En sufoka la dezerto.
Kisojn ili kisas ardajn,
Turmentate de demonoj.

## Radio Wien.

**Ĉiun lundon** 15 h 35—16 h: **Esperanto-kurso.** 13. Nov. 22 h 40—22 h 50: Prelego **„Je ĉiu sezono al Aŭstrio"**, 27. Nov. **„La Patrolanda Fronto kaj Nova Vivo".**

## Ĉu vi scias . . .

ke la mondfama operteatro Scala en Milano estas konstruita de la aŭstria imperiestrino Maria Theresia;

ke la terpomo siatempe venis al Eŭropo kiel ornamplanto kaj ke oni ĝin kulturis en florpotoj;

ke la esprimo „bakfiŝo" tute ne esprimu, ke oni bakos tiujn fiŝojn. Male ĝi devenas de tio, ke la fiŝkaptisto, se li kaptis fiŝetojn, ilin rejetis (angle „back") en la akvon.

**Rigardo al Vieno.**

Grillparzer

Rigardu de sur Kalvamonto al Vien'
eksekvos poste tuj de mia verk' kompren'.

**Danubo en Aŭstrio.**

Schiller

Ĉirkaŭ mi loĝas kun gaja okulo popol' de fajakoj,
Ĉiam jen estas dimanĉ', ĉiam turniĝas rostil'.

E-igis K. Jimel.

## Mortis.

**Henri Petiau,** longjara kaj senlaca ĝenerala sekretario de Reĝa Belga Ligo Esp-ista.

**D-ro Pierre Corret,** 55-jara, en Paris. En 1908 li doktoriĝis per la temo „Utileco kaj ebleco de alpreno de internacia helplingvo por la medicino". Krome de li verkitaj: „Raportoj pri 2., 3., 4. kaj 5. Univ. Kong. de Esp. (1906—9), 6-lingva Intern. Radio-Leksikono (1925) kaj traduko de teatraĵo Knock de Jules Romain, prezentita dum la 24-a en Paris. Li estis prez. de Int. Radio-Asocio (1924), ĉefredakt. de Int. Radio-Revuo (1926), komitatano de Stenografa Instituto Tutmonda kaj kunred. de Fluganta Skribilo.

**Ili restos** en la historio de nia movado!

## El la mondo.

**Germanujo.** S-ano Radecker, Nürnberg, Juvenellstr. 28/II, skribas: Estimataj s-anoj, ni germanaj s-anoj, kiuj pro registara dekreto devis ĉesigi nian organizitan E.-laboron, kiun ni faris dum 25 jaroj en la neŭtrala Germana E.-Asocio, havas grandan peton al vi: Karaj amikoj tra la mondo, ne malhelpu al ni daŭrigi nian modestan batalon por lingva afero kia estas Esp. kaj detenu vin afable de ĉiu kalumnio aŭ kontraŭdiro kontraŭ nia lando kaj popolo. Oni dekretis, kaj ni obeas al tiu dekreto, kiun la registaro opiniis necesa estante principe kontraŭ iu ajn artefarita lingvo tutegale, kiu ĝin kreis. Vi eble ne scias, ke ni rajtas sen ia limigo uzi E-on por privata korespondado kaj kiel interkomprenilon, kiam vi venas al nia lando por ĝin rigardi kaj ĝui ĝiajn belojn, kaj ke ni helpos vin ĉiamaniere. Turnu vin al mi!

**Helpo al Radio-dissendadoj.** S-ano Ŝamla dum 28-a Univ. Kong. de Esp. raportis, kiom helpas la sendado de simplaj kartoj al Radio-stacioj! Li faris flanke de Verda Stacio (Brno) bonajn spertojn. La s-anoj ne hezitu, se de serioza flanko alskribado estos petata, elspezi la kelkajn monerojn por poŝtkarto, ili multe povas helpi, ĉar la amaso konvinkas!

